# Hispana Esperanto GAZETO

1a jaro JULIO 1931 N-ro 4

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO

ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

© Biblioteca Nacional de España

## NI PLORU, SED... ANTAŬEN!

Ĉu vi rememoras la respektegindan homon, kiu ĉe-estis nian sukcesintan kongreson de Sevilla? Ĉu vi jam forgesis la simpatian allogantan maljunulon, kiu pasigis tagojn glorajn kun la hispanaj samideanoj en Sevilla okaze de tiu Kongreso? Ĉu en viaj koroj ne restadas tiu «SENTO», kiun li sciis rimarkigi al ni per sia grandanima koro kaj per sia sincere elokventa parolo? Ĉu vi forkesis la kore profundan emoción de nia plej glora kaj granda grandanimulo, kiam li, sin turnante al ni kaj laŭdante nian laboron kaj nian firman zamenhofanismon, elverŝis entuziasmajn larmojn, kiuj estis al ni instigilo por daŭrigi la laboron al triumfo de Esperanto? Certe ankoraŭ restas kaj restados dumvive ĉe niaj koroj kvazaŭ gravurite la ravanta figuro de la amata apostolo de Esperanto, de la neniam forgesota Blankbarbulo, de Sro Th. Cart. kiu bedaŭrinde por la tuta esperantistaro ĵus mortis, je la 21ª de majo, neatendite, subite: ni ploru, sed nia ploro estu promeso por sekvi fidele, nelacigeble, fervore, lojale, entuziasme, la vojon montritan de li al sukcesigo de Esperanto; ni ploru, sed ni firme tenadu la puran esperantan flagon, kiun kuraĝe, firme, li tenadis longedaŭre spite de sia maljuneco, ĉar nur tiel, fidelaj je lia sintenado kaj agado, Esperanto venkos. Ni, do, ploru, sed ANTAŬEN!, ĉar nur tiel li, kun la Majstro kaj kun niaj gloraj mortintoj, benos nin de la nekonata mondo en kiu ili kunvenas. Ni nin montru indaj de ili!

Akceptu S-ino Cart kaj ŝia familio la sinceran elmontron de la profunda doloro de la hispana esperantistaro vidanta la amatan profesoron Cart GLORA KIĤOTO DE ESPERANTO KAJ DE ĜIA INTERNA IDEO.

### LASTAJ MOMENTOJ DE PROFESORO CART

La 20ª de majo, li tute bonfartis. Li entuziasme kaj vigle laboris korektante presprovaĵojn de la tuj aperonta V.ª numero de la Akademia Bulteno, kaj li sin montris gaja, tre kontenta kaj plenfida je la granda sukceso de la Pariza Kongreso por 1932, ĉar li planis okazigi tiam grandan kunvenon solenan de la Lingva Komitato. Li, do, laboris bone, tiun tagon, kun lia vigla, lojala, kunlaboranto S-ro René de Lajarte; sed, kiam ĉi tiu jam estis forlasita la hejmon de S-ro Cart, ankoraŭ ĉi tiu daŭrigis la esperantan laboron ĝis la 23ª vespere en tute perfekta bonfarto, pasigante la nokton laŭ trankvila kutima ripozo. Sed iom antaŭ la 6ª matene, subite li leviĝis, atakate de sufoko kaj sentante malvarmon, pro kio la edzino rapidis prepari ion varmigantan. Dume li forlasis la dormoĉambron kaj aliris al sia laborĉambro, kaj eksidante

© Biblioteca Nacional de España

li ŝanceliĝis kaj subtenate de la amata edzino, kvazaŭ svenante, li faletas en la apogseĝon restante senmova: koratako forrabis la vivon de nia kara apostolo, la fervora propagandisto dum triono de jarcento, la glora aŭtoro de gravaj verkoj, la kritika, vigla kaj sagaca redaktoro de la mirindaj «Vortoj de Blaukbarbulo»; la firma kaj entuziasma konservanto de nia pura lingvo, la nelacigebla laboranto de Esperanto, la grandanima amiko, frato de ĉiuj. Li vivadu ĉe la memoro, ĉe la koro, de la samideanaro por la bono de la Homaro!

## PROFESORO TH. CART

Li naskiĝis en Saint Antonie de Dordogne, la 31an de marto de 1855, filo de protestanta pastro. Pro persekutoj religiaj, lia familio rifuĝ.ĝis en Svisujo. Li studis en Lausanne unue, kaj poste en Bâle, Berlino, Romo kaj Parizo. Rapide li sin montris ju pli sperta, klera kaj saĝa, des pli modesta, tolerema kvankam energia.

Li estis profesoro en la Alsacia Lernejo, klariganto de lecioj en la Universitato de Upsal, kaj li estis la unua franca leganto en svedujo; profesoro en la Liceo Henriko IV^a^, en la Kolegio Saint Barbe; prezidanto de la Lingva Svinto de Parizo kaŭze de siaj profundaj kaj vastaj lingvaj konoj; profesoro en la Lernejo por Politikaj Sciencoj. Dum 35 jaroj li apostoladis energie, saĝe, entuziasme, sukcese, glore, Esperanton. Entuziasma naturamanto, li konstatis sian amon per vigla praktiko en la montaro kaj dirante: «ni pasigu tute laŭ nature ĉi tium fulman momenton de l' vivo.»

## LASTAJ VORTOJ DE BLAUKBARBULO

Pardonu, karaj legantoj, se hodiaŭ mi ne parolas mem, sed lasos la parolon al hungara samideano P. Balkángi, kies elokventa alvoko al la Japonoj meritas la tutan atenton de la eŭropaj Esperantistoj. Post ĝia legado, vi ne nur pardonos, vi dankos.

P. Balkángi skribas en «Esperanto Kiboŝa»: «Japanujo ne povas postuli de la mondo, ke tiu uzu en interrilato kun Japanoj la japanan lingvon. Japanujo staras tute aparte! Ankaŭ lia lingvo estas io tute aparta. Sed Japanujon oni konsideras pli multe, ĝian voĉon oni aŭdas kun pli granda respekto, ol la voĉon de multaj eŭropaj landetoj. Se Japanujo deklarus, ke—ĉar la japanan lingvon oni ne povas postuli—la aliaj landoj uzu kun Japanujo ĉefe Esperanton anstataŭ la por Japanoj tro malfacilaj angla kaj germana lingvoj, se Japanoj ĉiam pli kaj pli multe korespondus, verkus, parolus por alilandanoj nur en Esperanto, la cetera mondo devus alkutimiĝi, ke en Japanujo oni bezonas scii Esperanton, ke oni devas skribi tien en Esperanto... Se Japanoj volas,

© Biblioteca Nacional de España

la mondo post kelkaj jaroj aŭ jardekoj—en aĝo de lingvo ne longa tempo—uzos Esperanton kun Japanujo kaj, ĉar ĝi vidus, kiel facila kaj praktika Esperanto estas, ĝi ekuzos tiun ĉi lingvon ankaŭ inter si, ankaŭ kun aliaj landoj. Ni en Eŭropo ofte pensas, ke *el Oriento venas la lumo*: «Japanujo devigis pace la mondon akcepti la kultursŝlosilon Esperanto!»

«Jen nobla, belega, ne malfacila tasko! Pripensu (Japanoj), provu, organizu, ne ŝparu energion kaj vi alportos ne nur por vi mem facilan interrilaton kun la tutmondo, forigante influon fremdan de fremda lingvo..., sed ankaŭ estos kreanto de kulturevoluo por la tuta mondo!...»

Al ĉi tiu tiel interesa, tiel *pensiga* citaĵo mi aldonos la venontan monaton komentarion aŭ pli ĝuste kelkajn pripensaĵojn.

TH. CART (*El «La Movado»*).

Bedaŭrinde la Morto, rabante al ni nian karan Blaukbarbuton, ankaŭ rabis la saĝajn komentariojn promesitajn de li.

## JE LA MORTO DE PROFESORO TH. CART

Jam homo kara, sciulo sen vanto,
tre grandanima al ĉiuj amiko;
kun koro pura laŭ blanka lekanto,
en kiu nestis neniam skeptiko,
en kiu, kiel en freŝa dianto
tre ruĝa, ĉiam vidiĝis fortiko
al celo rava de lingv' Esperanto
per varmaj saĝo, konsil eĉ mistiko;
la homo kara ĵus mortis. Atenton
tre viglan metu al lia la volo:
konservu pura ni la Fundamenton;
«Ni fosu nian la sulkon», jen rolo
komuna ĉies; vigligu la senton,
por nia lingvo, de l' kara apostolo.
De l' Blankbarbulo aŭskultu ni «Vorton»;
konsilon ĝian konstante ni aŭdu;
al niaj koroj ĝi donu la forton;
viglecon ĉies la «Vorto» ja plaŭdu,
farante tiel sukcesa la sorton
de l' lingvo. Gloran Cart ĉiam ni laŭdu!

JULIO MANGADA ROSENORN

© Biblioteca Nacional de España

# SECCION DE PROPAGANDA

## QUÉ ES EL ESPERANTO

### II

Cuando el alumno conoce algunos idiomas muertos y vivos, además del suyo propio, el Esperanto será enseñado haciéndole hablar la lengua internacional, pero simultaneando en gran parte la gramática con la práctica de la conversación, pues tenemos delante un amante de la filología y hay que satisfacer sus aficiones; y aunque este alumno tarde un poco más tiempo en hablar Esperanto, tendremos la ventaja de que, cuando sepa el idioma internacional, contaremos con un buen profesor en nuestras filas.

Hemos visto que en el caso precedente el sistema también es mixto, por tratarse de quien ya conoce otros idiomas gramaticalmente, y no podemos prescindir de la gramática ni de la comparación.

Cuando el alumno conoce solamente algún idioma vivo, además del suyo, sin que tenga dominio sobre ninguno de dichos idiomas, entonces el método a seguir será el siguiente: mucho hablar Esperanto y poca gramática, a menos que el alumno se aficione a la filología, y, en ese caso, también habrá que concederle algo de gramática para satisfacer su afición, pues el secreto de la pedagogía es que el profesor siga la tendencia del alumno, para que entre los dos se establezca esa simpatía espiritual que es el mayor de los amores. Acabamos de ver en el caso que antecede que también el sistema debe ser mixto.

Ahora, vamos al caso de mi amigo, o sea cuando el alumno sabe muy poco de un idioma vivo y no conoce bien su idioma paterno: y este es el caso corriente, es decir, este es el alumno que generalmente viene al Esperanto; y, como es el que forma el núcleo de nuestras filas, vamos a tratarlo con más cuidado, para no fastidiarle y aburrirle. Veamos el procedimiento: Hacerle hablar, leer y escribir simultáneamente, enseñándole, sobre todo, el lenguaje técnico de su profesión y poniéndole en contacto con *samideanos* del extranjero, para que vea prácticamente el valor de la lengua internacional; enseñarle, sin que casi se entere, algo de gramática del Esperanto y la de su propio idioma, pero a modo de *inciso* y sin hacer *hincapié*, pues con este método se evita que el alumno se *empache* y no aprenda la lengua más útil después de la materna. Como acabamos de ver, también el sistema en este caso es mixto.

Resumen: Tenemos que acudir al sistema mixto con una predominante de conversación, salvo en el caso de alumnos que posean

© Biblioteca Nacional de España

muchos conocimientos filológicos. Tenemos también que poner a los alumnos, sean niños o sean mayores, en contacto con los extranjeros, para establecer el amor internacional, y, finalmente, y acabando por donde hemos empezado, diremos que al niño tiernecito se le enseñará el Esperanto totalmente agramatical, como aprende su propio idioma, y siempre jugando; pero no olvidemos que cuando el niño es mayor o ya es hombre la gramática es algo imprescindible, por ser la cumbre de las lenguas desde donde se puede contemplar la magnanimidad de la obra de Dios, sintetizada en la palabra hablada y escrita, inseparables como el alma y el cuerpo.

PEDRO GIL ARRUE
*Jefe de Correos.*

* * *

## A LOS ESPERANTISTAS ESPAÑOLES

Las grandes obras son consagradas por los hombres cuando éstos están convencidos de su valor material y espiritual.

La Humanidad, salvo los grandes pensadores, no ve en los máximos descubrimientos más que la parte relativa al lucro inmediato; y esto, que es un fenómeno natural en el proceso de todas las actividades, es al mismo tiempo un problema de candente actualidad, al que debemos dedicar toda la atención, para que nuestra gestión sea eficaz en la próxima implantación oficial del Esperanto en España.

Todos y cada uno de los esperantistas españoles debemos prestarnos incondicionalmente a ayudar a los gobernantes en esta obra redentora, poniendo a su disposición nuestros conocimientos y nuestras organizaciones de grupos profesionales, que son los que por su peculiar función unen a los que, manejando los mismos útiles de trabajo, manejan también las mismas palabras del léxico que con carácter internacional formó el sabio e inmortal doctor Zamenhof.

La Asociación Esperantista Española, que debe actuar como madre de todos los grupos, o sea, la Providencia a que todos debemos mirar con cariño y respeto, debe ahora más que nunca acudir al Ministro de Instrucción pública, ofreciéndole la cooperación de todos, puesto que son los *grupanos* los que integran la Asociación Española, es decir, que el esperantista es simultáneamente miembro del grupo de su profesión y socio de la Asociación Esperantista Española, y algunos son también miembros de agrupaciones extranjeras; en una palabra, que nuestra comunicación es completa con todos los esperantistas donde quiera que éstos se hallen, pues el Esperanto, además de ser una lengua para toda la gran familia humana, tiene su alma, LA INTERNA IDEA, que es por lo que ha triunfado en el mundo entero.

© Biblioteca Nacional de España

Los grupos españoles deben estar en constante contacto con la A. E. E., porque ésta debe saber dónde actúan y qué labor realizan para facilitar su implantación en los Centros docentes de todas las provincias españolas.

Y ¡qué nota tan simpática será que los dirigentes de la cosa pública vean que tenemos gramáticas, diccionarios y profesores disciplinados y aptos para ensayar los cursos y poder implantar oficialmente el idioma auxiliar internacional en nuestra nación!

No vemos la necesidad de esperar a que otras naciones vayan delante de nosotros, ya que España tiene una antigua historia cultural y una gran familia espiritual hispano-americana que hoy más que nunca admira el progreso de la raza hispana.

PEDRO GIL ARRUÉ
*Jefe de Correos*

---

# LITERATURO

## LIBERECO

### II

Estis en Oriento apenaŭ videbla eklumo de la tagiĝo kaj jam la gepatroj de l' malliberigitoj kantis sur la akacio. Ilia kantado nur finis kiam la kaĝo aperis sur la fenestro. Ili alproksimiĝis kaj intencis per siaj piedoj kaj bekoj rompi la kaĝajn barilojn, sed vane; poste ili forflugis sen ia pepo por ĝojigi sian vojaĝon.

Baldaŭ ili revenis kun nutrado kaj akvo por la idoj. Tiuj alproksimiĝis ĝis la limo de la karcero kun la buŝoj kiel eble plej malfermitaj. Iliaj gepatroj enmetadis la bekon inter la kaĝaj bariloj kaj demetis en manĝegemaj buŝoj pistitajn semojn kaj grenojn, akverojn, kiuj ankoraŭ konservis la fontan freŝecon.

Ili iris malkune. Unu malproksimiĝis de l' kaĝo antaŭ ol la alveno de la alia. Ili sin renkontis en la atmosfero, haltis dum sekundo, kaj daŭrigis la flugadon, unu al la filoj, alia al la semitkampo, kie brilis la greno kiel oro ĉe la sulko, aŭ al la fonto, kie la akvo falis ero post ero, kiel diamanta pluvo.

Oni povis rimarki ke la gepatroj ne donis la nutradon ripete al sama ido. Sajne kiam ili haltis kune en la aero unu demandis la alian:

—Al kiu vi ĵus nutris?

—Al iu ajn.

—Do, nun estas la vico de Aliu ajn.

© Biblioteca Nacional de España

Kaj aliu ajn ricevis la orkoloran greneron aŭ la diamantan akveron.

Por Emĉjo tio estis tre ĝojiga. Multfoje la kubuton sur la fenestro, preskaŭ taŝante la kaĝon per la fingroj, li sekvis per la rigardo tiujn irojn kaj revenojn, tiujn klopodojn de la gepatroj kaj la movojn de l' kaptitoj. La birdoj ŝajne ne atentis lin; ili nutris siajn idojn, ĝojigis iliajn kaptitecon per sia pepado kaj premis per la piedetoj la barilojn, batante ilin per la flugiloj kaj mordante ilin per la beko. Fojen, ili rigardis Emĉjon kolere per siaj benaj okuloj. La knabo ridadis kaj la birdoj porflugadis kun la plumoj tremantaj pro malamo.

La kaptitoj jam kuretadis ŝanceliĝante la kaĝon, malfermadis la flugilojn por ekflugi. Sed ho, ve! Ili atingadis nur la plafonon kaj faladis sur la planko etendante la kolon al blua ĉielo kie la suno brilis!

La gepatroj daŭrigis ilian nutradon; sed, foje, malfruiĝis, foje, restadis senmovaj antaŭ la kaĝo, fiksadis en ĝin sian obstinan rigardon, alproksimigis unu la alian, beko kontraŭ beko kvazaŭ ili parolus konsile, mallaŭte...

Vidante Emĉjon, ili ekjetis sin kontraŭ li.

Poste ili forflugis al proksima arbo, kie ili restadis mutaj, ne gajigante per siaj pepoj la manĝaĵon de la sklavoj.

Iam ili ne alproksimiĝis jam. Emĉjo pensis: —Kvamkam ili ne revenu plu, la birdetoj jam povas sin nutri per si mem. Morgaŭ mi liberigos la inojn. Kial morgaŭ? Hodiaŭ mem.

Li enmetis la kaĝon en la ĉambron, malfermis ĝin, elprenis la du inojn kaj lasis ilin sur la fenestron, referminte la kaĝon.

La inoj flugis sur la akacion gvidate de sia patro, kiu pepis triumfe, sed ĝi silentis tuj kiam Emĉjo pendis de l' najlo de la fenestro la kaĝon kun la birdetviroj.

Iliaj gepatroj reflugadis ĉirkaŭ la kaĝon, kriadis, poste forflugis malproksimen kun la inoj.

* * *

Tagmeze, dum Emĉjo manĝis kun siaj gepatroj io okazis.

La kardeloj revenis al la kaĝo, rigardis ĝin dum kelkaj sekundoj. Poste premis la barilojn, batis ilin furioze, mordis ilin. Senutile, senutile kiel ĉiam! La birdoj estis tro malfortaj por liberigi la kaptitojn.

Tiam ili alvokis milde la idojn, kiuj alproksimiĝis kun la buŝoj malfermitaj, la okuloj ame brilantaj.

Subite la idoj malantaŭeniris ŝanceliĝante ĝis la malproksima angulo de la kaĝo kie ili falis kiel tremanta amaso da plumoj.

Kiam Emĉjo iris apud la kaĝo trovis la kaptitojn mortantaj. Ili havis nek langon nek okulojn. Iliaj gepatroj estis eltranĉintaj iliajn langojn per la beko, elŝirintaj iliajn okulojn per la ungoj.

Ili fortranĉis la langon por ke la sklavo ne kantu al mastro. Ili

© Biblioteca Nacional de España

blindigis la okulojn por ke la sklavo ne vidu per ili horizontojn neniam traflugeblaj per siaj flugiloj.

*Hispane verkis*: JOAQUÍN DICENTA
*Esperantigis*: FERNANDO REDONDO

* * *

## KUNIKLVENDISTO

### RAKONTETO

Jam, en vilaĝeto, kuniklvendisto havis ankoraŭ vendota la komercaĵon.

Kelkaj studentoj, volante ridi kaj moki pri la kampara simpleco de la vendisto, akordiĝis, kaj unu el ili alproksimiĝis al la kuniklvendisto, dirante: Sinjoro, kiom da mono kostas ĉi tiu kato? kaj samtempe li prenis kuniklon. La kuniklvendisto tute surprizite, respondis: Sinjoro, mi ne vendas katojn, mi nur vendas kuniklojn. Tiam la studento, rigardante malrapide la besteton, ekkriis: Neniam mi vidis kuniklojn kiel ĉi tiujn, tial mi pensas, ke ĉi bestetoj estas katoj, sed eble mi eraras. Li adiaŭis la kuniklvendiston malproksimiĝanta de la kuniklvendejo.

Poste alia studento alproksimiĝis al la kuniklvendejo, kaj faris al la kuniklvendisto saman demandon kian faris lia kamarado. Aŭdinte tion la vendisto, denove surprizite, respondis al la studento proksimume la saman respondon. La studento kun grava mieno diris: Sinjoro vendisto, mi studas naturajn sciencojn kaj mi opinias ke ĉi bestetoj estas katoj, kaj ne estas kunikloj, ĉar vi jam scias ke estas multaj klasoj de katoj kaj ankaŭ malsamspecaj. Malgraŭ la diroj de la studento, la vendisto firmigis sian opinion, kaj en ĉi tiu momento la studento adiaŭis.

Trifoje alproksimiĝis alia studento, kaj prenante kuniklon diris al la vendisto: Sinjoro, kiom da mono kostas ĉi kuniklo? Tiam la vendisto, rigardante malrapide la studenton kaj la kuniklojn, kaj ne sciante kion fari nek kion respondi pri sia komercaĵo, diris tute nerve kaj naive: Sinjoro studento, mi ne vendas kuniklojn, mi nur vendas katojn, kaj vi jam scias ke estas multaj specoj de katoj.

La studentaro kunveniĝis, kaj multe ridis pri la kamparana naiveco.

NAIVULO

* * *

### BABILADOJ AL LA SUNO

## SUR BRANĈO DE ARBO APUD PARIZO

*La birdino.*—Hodiaŭ flugas pli da aeroplanoj ol kutime. Kiel ili

BIBLIOTECA

© Biblioteca Nacional de España

troe zumadas kaj kiel la gazolino tro odoras (Ŝi tuŝas sian kranion per unu el siaj kruretoj). Kapdoloron mi eksentas.

*La birdo.*—Tio okazas, ĉar hodiaŭ oni inaŭguras la unuan internacian Kongreson pri la senriskeco de la flugado. Ĉi obstine ne volas ankoraŭ legi la ĵurnalojn. Mi legas ĉiujn ĵurnalpecojn, kiujn alportas al mi la vento.

*La birdino.*—La senriskeco en la aero... Sed, ĉu por tio estas nepre necese organizi internacian Kongreson?

*La birdo.*—Ho, malsaĝeco de la birdinoj! Ĉu ci opinias ke ili flugas same kiel ni tute senatente? (Levante la bruston kvazaŭ fanfarone). Ili lernas nian flugmanieron.

*La birdino.*—Ĉar ili bruigas tiel multe kaj uzas tiel grandajn flugilojn, mi opinias...

*La birdo.*—(Sarkasme.) Ili ĉion faras bruigante multe. Sed ili terure faladas... Mia avino, kiu vidis la militon, rakontis al mi ĝojigantaĵojn. Dum la milito ili persekutis unu la alian kaj mortigis sin reciproke flugante, anstataŭ amuziĝi en la aero.

*La birdino.*—Nu, ĉi tio pri la Kongreso por sendanĝereco en la aero koncernas, ke ili jam ne volas sin mortigi.

*La birdo.*—Mi ne scias, mi ne scias... Unuavice ili celas eviti la falojn. Fojon, falis aeroplano kun pasaĝeroj, kiam ĉi tiuj manĝadis, kaj ĉiaj manĝaĵoj disiĝis sur la kampon. (Li rigardis flanken kaj supren.) Ĉu vi rememoras? Kion da pano kaj vinberoj ni manĝis ĝis satego!

(Bruanta flugilbatado ĉe la granĉaro. Eksplodo de birdoridoj.)

*Ĉiuj birdoj ĥore.*—Vinberojn kaj panon! Vinberojn kaj panon!

*Maljuna birdo.*—Mi rigardadis vin manĝantaj; sed mi ne volis manĝi ĉar mi estis vidinta aliajn aĵojn. Mi flugis super la aeroplanon, kaj mi min sentis kontenta esti birdo. Ĉiuj homoj rompiĝis. La sendanĝereco en la aero estas nur por la birdoj.

*La ĥoro el birdoj.*—Vivu la birdoj! Ni flugu! Ni flugu! (Kiel uragano ĉiuj ekfluas, pepante plenbruste. Granda ĝojo en la aero. Subite aŭdiĝas pafo, gaj la birdino falas sangelverŝante. La birdaro retiriĝas en la foliaron de l' arbo. Cento da pulmetoj spiradas angore silente.)

*Ĥoro el birdoj.*—Krimuloj, buĉistoj...

*La maljuna birdo.*—Dio estas justa. Dio faris la vinberojn kaj la pafilojn. Li scias kial.

*Hispane verkis*: HELIOFILO
*Tradukis esperanten*: HOMORANO

(El la ĵurnalo «El Sol» - La Suno).

© Biblioteca Nacional de España

## LA INFANOJ
## EL «MILITAJ PENTRAĴOJ»

La infanoj! Kompatindaj infanoj! Ili neniam komprenas tian malfeliĉegon. Ili nur scias ke ilia patro feriĝis, ke ilia patrino ploras, ke viroj, ridante, kunprenis la tritikon de la grenejo, la vinon de la kelo, la brutaron de la korto; kaj ke, kiam ili malsatas kaj petas pri pano, oni diras al ili, ke ne estas pano. Ili aŭdas aserti ke milito estas la kaŭzo de tiu-ĉi mizero kaj plorado, kaj ili imagas ke ĝi devas esti ia grandega kaj furioza besto, forportanta la virojn kaj mortiganta pro malsato la infanojn, kaj ili pensas kial ĉiuj kune ne ĝin mortigos.

Kompatinda naivulo! Se vi scius kiom da klopodoj, kiom da oferoj, ne por mortigi, sed por vivigi tiun monstron, kiu igas vin senpatra kaj senpana! Se vi scius kiom da sanktaj aferoj oni alvokas por elfini la plej diablan malbonaĵon, kiom da malsaĝuloj oni delogas, kiom da oferoj oni trudas por subteni tiujn virojn, kiuj mortigas! Vi ja scios, kiam vi pligrandiĝos, ve malfeliĉulo! Vi, kiu naskis en lando nescianta pri juro, kaj ĉiam preta alvoki la decidojn de la forto. Vi ja scios, kiam vi manprenos la armilon kaj vi forlasos viajn infanojn, kiel via patro vin lasis, kaj vi rabos la malfeliĉajn hejmojn, kiel oni rabis la vian.

*Hispane verkis*: CONCEPCIÓN ARENAL

C. ARENAL, fama verkistino de 19 jarcento. Ŝi sin okupis pri bonfarado, krimulscienco, pacifismo, feminismo. Ŝiaj ĉefaj verkoj estas: *Vizitanto de Malliberulo, Vizitanto de Malriĉulo. Virino de l' estonteco.* La supra verkpeco temas pri la interna milito, kiu suferigis Hispanujon el 1868 ĝis 1876.

*Esperantigis*: A. N. D.

* * *

## DEVO

Al la lernej' iradis tri knaboj, al laboro
—Se mi laboras bone, asertis la unua
moneron doni al mi promesis patr', el oro!
—Pro panja kiso mi nur laboros, diris dua.

—Por mi meni' sopiris la lasta el la tri:
ni estas orfo: paĉjo nek panjo al mi restas;
sed ja klopodos, tamen, por bone lerni mi:
plenumi decas devon, nur ĉar ĝi devo estas.

*France verkis*: LOUIS HATISBONNE
*Esperantigis*: A. N. D.

© Biblioteca Nacional de España

## PETU KION VI VOLAS

Se ia supera estaĵo, blanke vestita, radiante helan lumon, aperus nun antaŭ vi kaj dirus: «Petu kion vi volas! Mi havigos ĝin al vi!» Vi sendube rapidus peti plejbonajn aĵojn.

Tiu mirinda estaĵo ekzistas en vi mem, kaj ĝi povas doni al vi ĉion kion vi petos.

Sed unue vi devas bone scii kion vi volas. ...Tiu scio ŝajnas facila, sed malmultaj homoj ĝin posedas.

Due vi devas peti al via interna dio tiel certece kiel vi farus al mirakla estaĵo blanke vestita, kiu delogos vian fidon per la bonfamo de sia ekstera povo.

Pensu ke vi estas malfeliĉa tial ke vi nescias tion kion vi povas. Ĉio estas via kaj vi suferas pro viaj neplenumitaj deziroj. La steloj apartenas al vi, kaj vi ne havas fajron en via hejmo. La tuta naturo volas sin doni al vi, kiel al sia mastro kaj sinjoro, kaj vi ploras pro malestimoj de ia virino!...

Petu kion vi volas, kaj oni havigos ĝin al vi.

*Hispane verkita de* AMADO NERVO

*Trad.*: F. R.

---

# CRONICA INTERIOR

## BIEN VENIDO SEA...

Sí; bien venido sea *Progreso Esperantista*; pero entendemos que, si ha de responder a su nombre, si quiere ser eficaz, cosa que también queremos ser nosotros, debe tender a salir de la «modestia máxima» con que nace, pues tal debe pretender la labor de los que lo escriben; deberá, de igual modo, aspirar a mayor tamaño y a publicarse el mayor número de veces posible, y debe procurar adquirir la mayor importancia, en vez de afirmar que «no quiere ser importante».

Afirma que «será meramente informativo; aunque, si precisa, irá a la lucha, que ni busca ni rehuye». Y esto transcrito merece una interrogación y un comentario: *¿qué lucha ni busca ni rehuye?* No debe de referirse a la lucha que entraña la labor que emprende, pues trabajar por difundir e implantar el Esperanto es lucha, y no despreciable; y si a esta lucha no se refiere, hay que lamentar que quiera referirse a otra, que no cabe en la labor *zamenhofana*, en la que hay vasto campo en que trabajar con arreglo a todos los gustos. Así com-

© Biblioteca Nacional de España

prendiéndolo, nuestra *Asociación Esperantista Española* (H. E. A.) continúa su labor, fiel a sus Estatutos, dejando a los esperantistas en libertad para decidir de su personalidad y agruparse en sus lugares, en sus regiones, en sus profesiones, y hasta política, social y religiosamente, como tengan por conveniente.

Continuando la lectura de *Progreso Esperantista*, nos encontramos con un «Manifiesto», que *manifiesta* claramente la lucha, tirando con bala rasa contra nuestra organización oficial esperantista, a la que culpa de aislamiento en el movimiento esperantista internacional, olvidando que H. E. A. viene pagando una cuota anual a la organización internacional, en la que está representada oficialmente, de largo tiempo; que H. E. A. es quizá la única sociedad esperantista nacional que anualmente da una subvención—aunque modesta—a la Academia de Esperanto; que viene estando dignamente representada en los Congresos universales y pesando tanto como cualquier otra sociedad nacional, y que ha propuesto soluciones prácticas para la mejor organización del movimiento esper-universal. Los firmantes del «Manifiesto» pueden crear y crearán cuantas organizaciones quieran o puedan; pero lo que no se debe es invocar argumentos inexactos, pretendiendo destrozar un organismo creado, que vive, que se desenvuelve y que progresa, a pesar de ellos.

Aspiran los firmantes—párrafo quinto del «Manifiesto»—al renacimiento y superación de entusiasmos y esfuerzos titánicos de los primeros campeones esperantistas; pero al esfuerzo de ellos, de los aspirantes, no se debió que España, en 1925, enviara a la Conferencia Internacional para aplicar el Esperanto a las ciencias puras y aplicadas, a Torres Quevedo, Herrera e Inglada, ni a éste a Ginebra, para disertar sobre sismología, en la inauguración de la Universidad del Congreso; por ellos no viene el Ministerio de Instrucción pública interesándose por el Esperanto y abriéndonos camino para su aplicación, ni por ellos se viene subvencionando (aunque modestamente) a H. E. A.; por ellos no se han conseguido una porción de pequeños triunfos cerca de las autoridades de una u otra clase, que van desembarazando de obstáculos el camino a recorrer; por ellos no se ha creado la organización existente, a la que combaten. Invocan la necesidad de una «*Conferencia Esperantista Española*», iniciada en Olot y «*sellada con pacto solemne en Bilbao*», y afirman que fué desviada (párrafo séptimo del «Manifiesto») y conducida a una «*dirección unipersonal, absorbente y centralizadora*», y callan que, iniciada por la Federación Esperantista Catalana esa Confederación, y acordado en Valencia por esa misma Federación, con cuantos asistieron al Congreso, establecerla en el Congreso de Bilbao, la Federación Catalana rehusó entrar en ella, al ser

© Biblioteca Nacional de España

invitada a asistir al Congreso de Bilbao, para llevar a la práctica el PACTO SOLEMNE DE VALENCIA; callan que el PACTO SOLEMNE DE BILBAO era una cosa irrealizable, al querer incluir en la Confederación a los portugueses, dentro de un reglamento nacional, y que en ese PACTO se estableció la necesidad de que el *Presidente, Vicepresidente, Secretario* y *Tesorero* residiesen en Madrid, para estar siempre en contacto con el Gobierno, siendo uno de los firmantes el que votó por el *centralismo* que hoy condenan él y sus compañeros; callan que un esperantista, desoyendo las advertencias del jefe de la oficina de la Dirección General de Seguridad encargada de hacer cumplir los requisitos legales imprescindibles para la legalización de existencia de toda sociedad, se guardó el reglamento de Bilbao y ni siquiera encomendó a otro el cometido de implantar la organización votada en Bilbao; por eso, en Córdoba se aprobó provisionalmente la actual organización, que adquirió carácter definitivo en el Congreso de Madrid. (Pidan a la Secretaría de H. E. A. el folleto «Algo sobre el esperantismo español»).

Nuestra actual organización, como antes se ha dicho, no pone trabas de ningún género a la organización de grupos, federaciones, etc., de los esperantistas que la integran; por el contrario, los deja en libertad absoluta para ello; recomienda las agrupaciones de todas clases, favorece y las auxilia en lo posible, y facilita gratuitamente a sus miembros su órgano oficial y el B. E. S.-Adresaro (muestra evidente de relación constante y eficaz con organizaciones esperantistas de otros pueblos y de carácter universal).

Finalmente, es curioso leer en *Progreso Esperantista* la sección «Noticias» sobre el movimiento esperantista, y ver en ella los trabajos que realizan *nuestros leales* D. Fernando Redondo, D. Francisco Máñez, D. Francisco Llorente, D. Joaquín Sales Sanz, D. Vicente Perles Moncho, etc., etc.

Bien venido sea *Progreso Esperantista*, si viene a crear; pero deje en paz a quienes ya tienen creado y no tienen interés en estorbar la labor esperantista de nadie.

JULIO MANGADA ROSENORN

Madrid, 15-VI-1931.

* * *

*Santander.*—Je la fino de la kurso, en la Popola Ateneo oni okazigis ĝeneralan ekzamenon, kaj pri Esperanto *supere* sukcesis S-roj Lucas Alonso, Manuel Sopeña kaj Luis Villa; *Notable rimarkinde*, Ramón Gancedo kaj Nemesio Gómez, kaj *bone* S-roj Federico Olavarri kaj Angel Crespo.

© Biblioteca Nacional de España

*Gijón.*—S-ro Fournier, membro de nia Instituto, ekzamenigis pri supera Kapableco de Esperanto F-inojn Marnjo Alvarez-Estrada, F.-Castrillón kaj Eliso Fernández Menéndez; pri elementa Kapableco F-inojn Eloiso Piquero kaj Marcelino Piquero.

## MONUMENTO AL LA MAJSTRO

Sub la kontrolo de nia Internacia Centra Komitato, niaj samideanoj de Bialystok projektis starigi grandiozan monumenton al nia kara kreinto de Esperanto. Grandan kontenton ni sentas pro la novaĵo kaj tute certe la membroj de Hispana Esperanto Asocio monhelpos laŭ eblo la starigon.

Por faciligi la monkolekton, la organiza Komitato (poŝkesto 120, Bialystok, Polonia) eldonis brikkartojn kies valoro estas tiu de eksterlanda leter afranko, riceveblajn de la Secretariejo de H. E. A. Se oni donacus pli altan monsumon, la Sekretariejo kvitancus per apartaj dokumentoj. Estas dezirinde, ke la membroj de H. E. A. arigu siajn monhelpojn laŭ listo po grupo, por plej facila laboro sendonte la sumojn al ĉi tiu Sekretariejo amase.

Niaj Asocio kaj Instituto malfermos la Liston el menholpantoj sur la venonta numero de ĉi-Gazeto.

Varsovia skulptisto A. Ostrzega projektis la monumenton, la kolosan konstruaĵon, kies dimensioj estas: 7×4 metroj, kaj alta je dekdu metroj proksimume. Dum postkongreso en Bitlystok, oni metos la unuan ŝtonon, ĉar de la Krakova Kongreso la samideanaro alveturos al la naskiĝurbo de la Majstro.

Ĉiuj samideanoj estas petataj ankaŭ sendi pecon el briko, ŝtono, marmoro, ktp. kun klarigo por la starigo de la monumenta bazo, kaj ankaŭ por ĉi tio estas rekomendinde, ke la grupoj kolektu la ŝtonetojn kaj ilin rekte kun la necesaj klarigoj al la Bialystoka Komitato.

Bonvolu havigi al vi monon por la monumento ankaŭ el neesperantistoj, ĉar ĉiuj homamantoj, pacemuloj, ktp. devas helpi la starigon. Rapidu kolekti monon por pruvi ke la hispana samideanaro sin montras entuziasma kaj fidela al la kreo de nia kara Majstro.

Rimarku, do, kiel nia Asocio vivadas en frataj rilatoj kun la samideanaro de la tuta mondo, kiel pruvas ankaŭ grava artikolo, aperinta sur la Itala Revuo de Esperanto de Majo lasta, pri la esperanta movado en nia lando.

Sendu la sumojn al mi.

MARIANO MOJADO, *Sekretario.*

© Biblioteca Nacional de España

# AMUZAJOJ

## ENIGMO

El seslitera nomo de Eŭropa nomado demetu la *kvaran* literon kaj restos bela, granda naĝanta birdo, kiu grave rolas en Wagner'a opero.

* * *

## SOLVO

de la logogrifo de la antaŭa numero:

**E S P E R A N T O**
**1 2 3 4 5 6 7 8 9**

Trafis la solvon, la gesamideanoj:
Fno Enriqueta Viso, el Lérida.
S-ro Eduardo Cano, el Madrido.
S-ro Vicente Perles Moncho, Nacia Instruisto, el Aguarón.
S-ro Luis Palacios, el Aguarón. (Vilaĝa Sekretario).
S-ro Lucas Alonso Villegas, el Santander.

AVERTO.—Nur oni publikigos la nomojn de la solvintoj kies solvoj alvenos al la Redakcio antaŭ la 20ª de la koncerna monato.

© Biblioteca Nacional de España